# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • SEPTEMBRO 1951 • NUMERO 9

## Enhavo:



## Informoj de SES:

**Na 1. októbra** pripadá druhé výročie založenia Čínskej ľudovej republiky. Pošlite hneď — leteckou poštou — pozdravné esperantské listy na adresu: Čina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 77, PEKING, Činio, por Centra Popola Registaro.

**Každý člen výboru ústredia i odbočiek** musí byť členom SES, resp. musí zaplatiť členovské i na rok 1951. Peranti, kontrolujte a presviedčajte, že kto neplatí, podkopáva naše hnutie i existenciu časopisu!

*EAČSR v Ústí n/Labem — oznámte presnú adresu!*

**Voláme skúsených esperantistov, dobrých prekladateľov!** Dostali sme zo spriatelenej cudziny žiadosť o esperantské preklady zo slovenskej literatúry na uverejnenie v esperante a na preklad do národnej reči. Prosíme všetkých, ktorí majú hotové dobré preklady hodnotných diel (najmä noviel a kratšej prózy), aby nám ich poskytli na tento cieľ. Keďže nemôžeme zaručiť vrátenie rukopisu v prípade nepoužitia, odporúčame, aby ste si nechali odpis. Prosíme posielajte strojom písané rukopisy, lebo nám ich nemá kto prepísať.

**Cena časopisov pre členov EAČSR.** Člen SES platí ročne Kčs 100.—, dostáva „E. Slovaka" zadarmo a môže si (naším prostredníctvom) predplatiť časopis „Esperantista" (v Prahe) za zníženú cenu Kčs 70.—. Člen ČES platí ročne Kčs 100.—, dostáva čas. „Esperantista" zadarmo a môže si predplatiť „E. S". (prostredníctvom EAČSR v Prahe-II., Malá Štěpánská), za snížené předplatné Kčs 70.—.

**Esperanto sprostredkuje.** Samideán O. Ginz z Prahy poslal ilustrovaný preklad Dona Quijota, ktorý vydal Tatran v Bratislave, Dr. Rómulovi Zeballos Morales, svetovému odborníkovi, vo Fray Marco v Uruguaj a dostal odpoveď, že kniha je „. . . naozaj obdivuhodná, z najkrajších, aké som doteraz videl. Vzbudzuje úctu k vysokej úrovni Vašej tlače a dobrý vkus pri výbere diel na vydanie".

**Ilustrovaný prospekt o Trenčíne,** s esperantským prídavkom vydal a na požiadanie zadarmo pošle Slovakotour

**Oznámte nám hneď každú trvalú zmenu adresy!** Zaistíte si tak neprerušenú dodávku časopisu a nám ušetríte zbytočnú prácu a výdavok.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Martin, ČSR-Slovensko), **časopis Slov. esperantského** ústavu, vychádza mesačne. — Zakladateľ **A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a vedúci** redakcie MUDr. L. Izák. — **Členom SES zadarmo. Členovský príspevok 100 Kčs na rok. —** Účet Pošt. sporit.: **S-9615, Slov. esperantský ústav, Martin. — Novin. výplatné povolilo** Riad. pôšt číslom 22.857-I.-1948.. — **Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO** č. 27.407/49-III/2. — **Časopis vypovedať (zrušením členstva v SES) možno len koncom kalendárneho roku pre budúci rok, vrátiť číslo nestačí a takúto formu výpovede neuznávame.** — Predplatné možno **žalovať u Okresného súdu v Martine.**

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: **MARTIN, ČSR-Slovakujo), gazeto de Slovaka Esperanto-Instituto,** aperas monate. — **Fondinto A. Váňa. — Redaktas E. V. Tvarožek kaj** la gvidanto de la **redakcio: D-ro Ludoviko Izák.**

Tlačiareň — **Presejo: Neografia n. p., Martin.**

**Háj, Bohumín, Čantoria; Rožňov** — štyri miesta úspešných krajových schôdzok Ostravského kraja EAČSR. V Háji bola i prednáška Rud. Hromadu, ppredsedu EAČSR, v Bohumíne pomenovanie ulice podľa Zamenhofa, na Čantorii schôdzka českých a slov. samideánov a v Rožnove Letná škola esperanta. Máme čo závidieť a čo doháňať!

Pohli sme sa však už i my: Martin, Lipt. Mikuláš, B. Bystrica sú toho dôkazom, no chystáme i ďalšie krajové schôdzky.

**Vzorný lope.** S-ano M. Zvara, študent a náš dipe v Poprade, pracuje pre hnutie všade. Cez prázdniny bol na brigáde a získal deväť nových prívržencov! Čo robíte vy — ostatní lope a samideáni, ktorí máte priaznivejšie podmienky?

**Preklady z esperanta v slovenských časopisoch.** *„Život“* z 24. XII. 1950 mal príspevok „Biely černoch“ (autor Walther White); závodný časopis *„Naše zrkadlo“* uverejnil 2. júna 1951 článok „Nórsko na ceste k vojne“, preložený z časopisu francúzskych esperantistov „La Esperantista Laboristo“. Z čínskeho mesačníka „El Popola Ĉinio“ preložený príspevok „Tajvan čaká na oslobodenie“ (autor Vang-Caŭ caj) vyšiel v *„Našom zrkadle“* 2. XII. 1950. Ten istý článok pod názvom „Tajvan“ uverejnil i *„Slobodný rozhlas“* v čísle 51 z 18.—24. XII. 1950. Okrem toho vyšly preklady „Záhadné svetlá“ (autor Ivan T. Sanderson), „Nils“ (autor L. Székely) a niekoľko krátkych zpráv o esp. hnutí. Spomenuté články preložil a časopisom poslal s-án Ján Lamačka.

## Tlačová podpora

V. Orbán, Zlaté Moravce 100.—; F. Suchý, Žďár 30.—; Esp. Klubo, Ostrava II. 130.—; J. Kováč, Lieskovec 20.—; A. Kubala, Ostrava 100.—; P. Božík, Trnava 50.—; A. Baláš, Brno 10.—; Ing. Emanuel Tuháček, Olomouc 80.—; A. Gregorčok, Banská Bystrica 50.—; J. Matocha, Lysá 20.—; P. Tinka, Bošáca 20.—; Esperanto-Rondeto, Břeclav 70—; J. Chovančík, Halenkov 30.—; V. Závodský, Žilina 50.—; K. Pakosta, Litoměřice 50.—; V. Antoš, Brno 30.—; R. Hirner, Bratislava 70.—; J. Ondrejkovič, Bratislava 50.—; E. Čavojský, Nitr. Pravno 20.—; F. Večeřa, Uh. Brod 80.—; M. Jakubíček, Kostolec 30.—; J. Šustr, Praha I 30.—; Esperanto-Asocio, Veselí nad Moravou 60.—; G. Menšík, Plasy 30.—; R. Bušo, Trenčín 50.—; A. Kermel, Bohumín 80.—; K. Chladný, Vrútky 100.—; V. Valach, Svit 30.—; Mudr. J. Černý, Litoměřice 130.—; K. Barták, Přerov 70.—; Ing. Z. Bayer, Mikuláš 50.—; H. Urbančíková, Veselí n/Mor. 50.—; J. A. Pátek, Bystřice p. Host. 20.—.

ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • SEPTEMBRO 1951 • NUMERO 9

# Graveco de Someraj Esperanto-Kolegioj.

*Oni povus facile opinii, ke dumsomere la Esperanto-movado vegetas, ĉar la esperantistoj libertempante ripozas kaj neniel interesiĝas pri nia afero. Sed tio estus granda eraro! Almenaŭ ĉe ni kaj ĉe niaj veraj esperantistoj oni ĉiusomere povas konstati fortan plialtiĝon de intereso pri esperantlingva legaĵo, perfektiĝado, pri interparoloj kun aliaj samideanoj dumvojaĝe, pri ebleco viziti iujn. Tial oni — almenaŭ ĉe ni — postulas, ke la Esperanto-gazeto alportu ankaŭ porsomeran interesan kaj utilan legaĵon, ke okazu kunvenoj, ekskursoj, entreprenoj seriozaj kaj amuzaj, kunigantaj la „utilan kun agrabla". Kaj tiel oni povas klarigi la grandan intereson pri somera Esperanto-kolegio kiel vera idealo, koncentrigo de ĉiuspecaj por- kaj peresperantaj entreprenoj.*

*Inter la avantaĝojn de SEK oni devas enkalkuli, ke ĝi okazas seninterrompe dum certa tempo (du semajnoj), do ĝi prezentas firmajn bazon kaj kadron por senĉesa, intensa, sistema laboro, nepra kondiĉo por kontentigaj, daŭraj sukceso kaj progreso. Krome ĝi okazas en belega agrabla natura medio, ebliganta neforgeseblajn grupajn kaj individuajn ekskursojn, promenojn, banadon kaj ĉiuspecan alian rekreadon dum horoj posttagmezaj kaj antaŭvesperaj. La vesperaj horoj estas rezervataj por entreprenoj sociaj, seriozaj kun altvalora programo kaj amuzaj kun neeviteblaj dancado, kantado, ludado ktp. Al la fakta studo estas dediĉataj ĉiutage la plej valoraj kvar horoj antaŭtagmezaj. La kursoj kaj prelegoj por komencantoj ĝis plej progresintoj eĉ instruontoj, prezentas esencon de ĉiu scio pri la lingvo kaj ĝia uzo, do SEK estas nia lernejaro de la elementa ĝis la alta.*

*Krome la SEK ne preterlasas eĉ la flankon organizan, atentigante senĉese la partoprenantojn, ke ili aliĝu al la organizo por poste ne perdiĝi aŭ resti izoluloj sensangaj, neinteresiĝantaj pri la komuna laboro kaj progresigo de la movado. La kolegia ciklostilita informa bulteno,*

*aperanta laŭbezone, kompletigas, firmigas la rezultojn, ekinteresigante la ĉeestantaron pri la praktika uzo de la lingvo, pri novaĵoj ĉu seriozaj aŭ amuzaj kaj pri verkado kaj zorgo kolektiva, ĉar ĉiu povas iamaniere helpi, kontribui. Tiel vekiĝas ankaŭ intereso pri la Esperanta gazetaro. Ĉio servas al celo: paroligi kaj skribigi la homojn laŭ ĝustaj manieroj prononca kaj gramatika, veki en ili daŭran intereson kaj profundan amon por nia afero, certigi ilian komprenemon kaj kunhelpon por niaj postaj entreprenoj.*

*Ĉi-somere la patrina kaj prototipa Somera Esperanto-kolegio en Doksy (ĉe Mácha-lago en nordokcidenta Ĉeĥio) okazis jam la 6-an fojon, sub gvido de ĝia kreinto, la nelacigebla pioniro D-ro Aŭgusto Pitlík kun lia eminenta instruistaro. Krome okazis ankaŭ sukcesplena SEK en la moravia Rožnov, altirinta precipe la junularon. Bedaŭrinde SEK ne ripetiĝis en Slovakio, en la subtatra Svit, pro personaj kaj teknikaj malfacilaĵoj. Pasintjare ĝi anstataŭigis al ni eĉ kongreson, sed ĉi-jare ni sentis nin kiel orfiĝintaj: rikanis nur granda abismo, sufokiga, sen-esperiga, nebula nenio. Tial Doksy ĉi-jare altiris el Slovakio kvinonon de sia partoprenantaro kaj tial ni unuanime decidis nepre okazigi SEK ankaŭ en Slovakio dum somero 1952, en kunlaboro de SEK Doksy.*

*Do, ek al la preparoj!*

*Eliz.*

*Miloslav Wagner:*

# Krea ago de Stalin

La verkoj de Stalin „Pri marksismo en la lingvoscienco“, „Al kelkaj demandoj de lingvistiko“ kaj „Respondo al kamaradoj“ metas ne nur profundan bazon por la marksisma lingvistiko, sed kree disvolvas la Marks- Leninan instruon pri novaj signifoplenaj elementoj.

En la pasinta jaro praktike ne povis ekzisti valora lingvistika verko, ne-eliranta el fundamentoj tiel firme metitaj de Stalin. Ne ekzistis sciencaj fakoj sociaj aŭ natursciencaj, kiujn la prilingvaj artikoloj de Stalin ne estus tuŝintaj intime. El iliaj alportaĵoj longe ĉerpos la nunaj kaj venontaj generacioj de la monda proleta movado, firme paŝantaj al venko sub gvido de komunistaj kaj laboristaj partioj.

El analizo de demandoj de marksismo-leninismo fare de Stalin, la

plej valora antaŭ ĉio estas la analizo de dialektiko de reciprokaj rilatoj inter bazo kaj superkonstruaĵo, kaj analizo de evoluleĝoj de socialisma societo. Stalin montris, ke la produktfortoj ne efikas sur la politikan organizon, ideojn kaj kulturon de la societo rekte, sed pere de la bazo ekonomia. Ĉiu ekonomia bazo kreas sian propran superkonstruaĵon por tio, ke ĝi servu al ĝi regrese — kaj la akcentado de ĝuste ĉi tiu ĝia granda aktiva eĉ lukta tasko por likvido de la malnova bazo kaj plifirmigo de la nova, dokumentita per historiaj ekzemploj — estas unu el la pluaj kulminoj de preciza analizo Stalina, pri kiu devas konscii senĉese, ĉe la plenumo eĉ de plej malgranda tasko, ĉiu kultura laboranto, al kiu estas kara la evulosorto de homa socio. Konscii pri ĝi devas la progresemaj sciencistoj okcidentaj, renkontiĝantaj kun reakciaj faŝismaj teorioj de putretanta kapitalisma ordo en stadio de imperialismo; kun teorioj, klopodantaj ĉiupreze nebuligi, deflankigi la atenton de amasoj kaj inteligentularo, for de la eksplutado kaj klasbatalo, sed eĉ devige devas pri ĝi konscii la sciencistoj de Sovetunio kaj popoldemokratioj, kiel kultura avangardo kaj bastiono de universala pactendaro.

La demandojn de ekonomia bazo oni ne povas do prilumi unufluanke el vidpunktoj de produktado aŭ de ĝia tekniko, servanta egale al la malnova kaj al la nova ordoj, eĉ ne en abstrakta apartigo de la materiaj produktfortoj. Ekzempla dialektika ekspliko de ĉi tiuj demandoj estas la Stalina analizo de evoluleĝoj de socialisma societo. La ekonomia bazo de USSR estas donita per ŝtata (tutnacia) kaj kooperativa kolĥoza posedo de produktrimedoj. La formoj de ĉi tiu posedo difinas ankaŭ la ekzistadon de du amikiĝintaj klasoj de laboristoj kaj kolĥozaj terkulturistoj. Kaj ĝuste el tio, ke en socialisma societo ne ekzistas klasoj antagonistaj, rezultas pluaj deduktoj pri transiro de socialisma societo al komunismo. Memkompreneble tiu ĉi transiro — per sia amplekso kaj signifo — egalas al revolucia salto; ĝi estos akompanata per grandegaj ŝanĝoj en evoluo de produktfortoj kaj en la socio; ĝi ne havos karakteron de socia revolucio, sed ĝi estos konscie kaj iom post iom preparita fare de la socialista ŝtato kaj Komunista Partio per aktiva helpo de la laborantaj amasoj.

La Stalina prognozo pri komunisma estonteco, kiel pli alta stadio de sociekonomia formacio de socialismo, estas ekzemplo de krea marksismo, de tiu marksismo, kiu laŭ vortoj de Stalin el respondo al k. A.

Cholopovov „. . . en sia evoluo devas pliriĉiĝi per nova sperto, per novaj ekkonoj, kaj ties unuopaj instruoj kaj konkludoj devas post tempopaso ŝanĝiĝi, ili devas esti anstataŭigataj per tezoj kaj konkludoj novaj, respondantaj al novaj historiaj taskoj", ĉar „marksismo ne rekonas neŝanĝeblajn konkludojn kaj instruojn, devigajn por ĉiuj epokoj kaj periodoj" kaj „estas malamiko de iu ajn dogmatismo".

La Stalinaj verkoj senpere tuŝas la demandojn de la lingvo, kies signifon J. V. Stalin emfazis en 1913 en „Marksismo kaj la Nacieca Demando" jam per tio, ke li nomis ĝin kiel unuan inter la karakterizaj trajtoj de la nacio. La interveno de Stalin en la diskuton en „Pravda" signifis antaŭ ĉio liberiĝon de Arakĉejeva reĝimo de Marra skolo kaj ĝiaj dubaj „teorioj" pri la lingvo kiel aperaĵo de socia superkonstruaĵo kaj el ĝi rezultanta instruo pri la klaseco de la lingvo, pri la intermikso de pensado kun ideologio, pri la revoluciaj saltoj en la lingvo-evoluo, pri la ĉiopova, idealisme elkonstruita, stadiala teorio de kvarelementa analizo kaj teorio de intermiksiĝo, kies unusola celo estis deturni eĉ la talentitajn lingvistojn de la vera ekkono de lingvo surbaze de konkreta materialo, de studado de ĝiaj internaj leĝoj kaj esenco, de ĝia fundamenta vortbazo kaj gramatiko, produkto de vico da epokoj, kaj erarvojigi al idealismo kaj mistikaj supozoj, havantaj nenion komunan kun vera scienco.

Stalin ĉi tie samtempe prezentis genian programon de marksisma lingvistiko, koncentriĝintan ĉirkaŭ kelke da centroj. Angulŝtono de ĉiuj lingvaj demandoj estas la Stalina instruo pri lingvo kiel socia aperaĵo, interŝanĝilo de pensoj kaj la instruo pri tutnacia karaktero de la lingvo kaj ĝia praktika signifo por la evoluo de la societo. Duan centron formas la demandoj de internaj leĝoj de lingva strukturo — de pli stabila fundamenta lingva bazo kaj gramatika konstruaĵo, kaj de pli ŝanĝiĝebla vortrezervo, kiuj devas esti esplorataj ankaŭ en sia historia evoluo. Anstataŭ la malbonfama kvarelementa teorio estas transvalorigata la metodo historie-kompara. La lingvoevoluo ne efektiviĝas per subitaj renversoj, sed per sinsekva amasigo de novkvalitaj elementoj kaj formortado de elementoj malnovkvalitaj. El la partaj demandoj estas pripensindaj la demandoj de lingvoj literaturaj (kaj en ili la demandoj de lingvo de verkoj artistaj, la rilato al lingvo tutnacia), la demando de klasifiko de la mondaj lingvoj laŭ ilia parenceco, la demandoj de rilato de nacia lingvo al dialektoj kaj klasaj ĵargonoj k. a.

La resono de Stalinaj verkoj estas nemezurebla. La scienca laboro en USSR — antaŭ ĉio ĉe la lingvistoj — estis starigita sur novan bazon. Estis efektivigitaj grandaj kunvenoj — la aŭgusta tutunia konferenco de altlernejaj instruistoj de lingvoscienco, la novembra kunsido de literatura kaj lingva sekcioj de Scienca Akademio de USSR kaj de Akademio de Pedagogiaj Sciencoj de KSFSR, la maja literatura diskuto kaj fine la junia tutunia scienca konferenco kaj kunsidoj de unuopaj sekcioj de sociaj sciencoj de Scienca Akademio en la Moskva Lomonosova Ŝtata Universitato, ĉe la datreveno de publikigo de la Stalinaj verkoj — por nomi nur la plej gravajn. Ni ne mencias la diskutojn en la unuopaj unuiĝaj respublikoj. La instrumaterioj kaj planoj de la alt- kaj mezlernejoj estis tralaboritaj kaj la zorgo pri lingvoinstruado ĝenerale plialtigita, estis fondita Lingvoscienca Instituto de Scienca Akademio de USSR sub gvido de laŭreato de Stalin-premio V. V. Vinogradov, estis eldonita altlerneja kurso „Fundamentoj de la Stalina Instruo pri la Lingvo“ kaj la unuaj almanakoj: „Demandoj de Lingvoscienco en la Lumo de Stalinaj Verkoj“, „Demandoj de Sintakso en la Nuntempa Rusa Lingvo“; estas presata — post zorga diskuto — teoria almanako „Fundamentaj Demandoj de la Soveta Lingvistiko“ kaj granda kontraŭ-Marra almanako „Kontraŭ la Vulgarigo kaj Elturnigo de Marksismo en Lingvoscienco“. Apud sociaj sciencoj la Stalinaj verkoj fariĝis ankaŭ por la natursciencoj forta instigilo al plialtigo de aktiveco por kunligi la teorion kun la praktiko, precipe ĉe realigo de grandaj Stalinaj planoj por aliformigo de la naturo.

(Tradukita el „Lidové Noviny“ de 3. VIII. 1951.)

---

MAŬ ZE-TUNG:

„MI TIEL OPINIAS, KE ESPERANTO ESTAS LERNINDA KAJ LERNENDA, SE ONI ĜIN UZAS POR VERA INTERNACIISMO KAJ REVOLUCIO.“

# Kiel pliviglîgi la kluban vivon

Antaŭ unu jaro aperis en ES (n-ro 6—7/50) interesa artikolo kun la supra titolo. Kiel respondo al la redakcia P. S. sub tiu artikolo jen alia paroliga ludo. Ĝi nomiĝas „Kie estas mia amiko?“

Unue simpla regularo:

1. Ĉiu klubano devas kunludi.
2. Demandite, oni devas respondi (sincere, sed ne tro detale, tamen ankaŭ ne nur per simpla „jes“ aŭ „ne“).
3. La serĉanto estas elektata aŭ sin anoncas libervole.
4. Se la demandito ne komprenis la demandon, li devas diri: „Ripetu!“ kaj la serĉanto devas ripeti la demandon, sed se eble per aliaj vortoj.
5. La respondo ne estu nur ripeto de la demando (Ekz. Ĉu mia amiko estas en tiu ĉi ĉambro? — Jes, via amiko estas en tiu ĉi ĉambro), sed per propraj vortoj (ekz.: Jes, vi trovos ĝin ĉi tie).
6. „La amiko“ povas esti io ajn (objekto, homo, besto) kaj ie ajn, eĉ en alia mondparto, sed tiam ĝi devas esti ĝenerale konata — ekz. Parizo, la kanalo de Suezo, la rivero Volga ktp.).
7. La serĉanto zorgu, ke li demandu ĉiun, sed tamen li ne demandadu laŭvice.
8. La respondoj al la serĉanto ne darfas esti erarigaj.

Jen mallongigita lud-ekzemplo:

La serĉanto (S) devas forlasi la ejon kaj intertempe la ceteraj ludantoj interkonsentas kio kaj kie estu „la amiko“ (ekz. la busto de Zamenhof sur la tablo). „S“ eniras, salutas kaj rakontas, kiel kaj kie perdiĝis lia amiko. Poste la ludo komenciĝas:

S: — Ĉu mia amiko estas en ĉi tiu ĉambro?

R (= respondanto). — Jes, kara samideano, vi certe trovos tiun kompatindulon ĉi tie.

S. — Vi tre feliĉigis min. (Al alia R.) Ĉu mia amiko estas videbla?

R. — Jes, ni povas tre bone vidi tiun eminentulon. (Tamen, oni ne ĉiam rigardu „la amikon“!)

S. — Ĉu mia amiko estas sur la planko?

R. — Tie troviĝas nur malamikoj.

S. — Ĉu li estas el ligno?

R. — Eĉ ne unu parto!

S. — Ĉu li loĝas sur la tablo?

R. — Jam vi estas sur la ĝusta vojo!

S. — Ĉu la busto de nia Majstro estas mia amiko?

R. — Vi tre saĝe kaj lerte trovis lin!

Certe jam ĉiu komprenas, ke per tiaj (kaj miloj da ali-specaj) demandoj oni *ĉiam* trovas sian amikon.

Ĉu la ludo estas amuza? Laŭ mia sperto mi povas diri „jes“ — sed la sukceso dependas de tio, ĉu la kunludantoj kuraĝas kaj kapablas reiĝi infanaj, ĉu ili emas esti bonhumoraj, ridemaj, amikecaj kaj ĉu ili havas bonan fantazion kaj iom da detektivaj kapabloj.

*I. Schoon*, Haarlem, Nederlando.



Partoprenintoj de la VI-a Somera Esperanto-kolegio en Doksy
28. VII.—11. VIII. 1951.

*PhMr. Ondrej Hoffmann:*

# Sanigaj kreskaĵoj

Prahomo, kuniĝinta kun la naturo, vivanta kaj batalanta en ĝi, venis en kontakton eĉ kun sanigaj kreskaĵoj kaj verŝajne instinkte — kiel ni tion vidas eĉ hodiaŭ ĉe pli perfektaj bestoj — okaze de iuj malsanoj aŭ korpaj malagrablaĵoj, pro kiuj jam tiam suferis lia komplika organismo, li uzis kelkajn kreskaĵojn kiel medikamenton. Poste, kiam lia intelekto estis jam sufiĉe evoluinta kaj kiam homo ekkonis la sanigajn kreskaĵojn pli bone, la famo pri ilia resaniga forto disvastiĝis kaj oni komencis kolekti ilin. Pli poste oni konstatis, ke ne estas necese uzi la kreskaĵojn en freŝa stato, kiel ili kreskas, sed ke oni povas sekigi ilin sen malutilo al ilia saniga forto kaj tiel konservi ilin por la vintra periodo. Tiu ĉi ekkono estis grandsignifa! Kaj poste oni per praktiko spertis, ke ne ĉiam la tuta kreskaĵo posedas la sanigan forton — ke foje ĝi estas en la radiko, alifoje en la folioj, floroj aŭ fruktoj. Kiam la konoj pri la medicinaj kreskaĵoj estis jam atingintaj tiun ĉi nivelon, jam ekzistis homoj, kiuj specialiĝis pri kolektado de tiuj ĉi kreskaĵoj kaj uzis ilin ne nur por si mem, sed donis ilin ankaŭ al aliaj malsanuloj. Jen la unuaj kuracistoj, kiuj estis samtempe ankaŭ apotekistoj. Ili estis homoj spertaj pri la kreskaĵaro de sia regiono, tial ili atribuis al si magian, miraklan potencon kaj kombinis sian scipovon kun superstiĉoj, aplikante diversajn sorĉaĵojn, kiuj multloke restis en uzo eĉ ĝis nunaj tempoj. Por ke ilia sekreto ne estu malkovrita de aliaj, ili ĉirkaŭis sin per mistereco kaj vendadis la sanigajn kreskaĵojn deformitaj, rompitaj aŭ krudpulvorigitaj, ofte intermiksinte plurajn medicinaĵojn, aŭ preparis el ili simplajn aŭ malsimplajn apozemojn. Kiom da senefikaj, eĉ pereigaj medikamentaĉoj produktiĝis flanke de efikaj kuraciloj, tion ĉiu povas facile imagi al si.

Post ia tempo la kolektado de sovaĝe kreskantaj vegetaĵoj simpliĝis, oni komencis kulturi ilin; tiel ekestis la unuaj botanikaj ĝardenoj, fondataj plej ofte de monaĥoj kaj precipe de ties plej inteligenta kategorio — la jezuitoj. Homoj, scipovintaj skribi, postlasis al ni pri tio dokumentojn. La unua botanika ĝardeno en Slovakio estis fondita ĉe la kanonikejo de Banská Bystrica, en 1658. Ĝin fondis la ĉefepiskopo *Lippay* kaj ĝia nivelo estis altega, ĉar tiam jam estis komenciĝinta pli

serioza scienca esplorado de sanigaj kreskaĵoj. Sed la popolo ankoraŭ timis tiujn ĉi sciencistojn-esploristojn kaj prefere serĉadis helpon ĉe „herbistinoj“, kies famo ofte diskoniĝis vastregione.

Sed la vivo progresis plu. Specialistoj komencis esploradi la sanigajn herbojn, konstati en ili la sanigajn elementojn kaj ekstrakti ilin per primitivaj metodoj. La pli-malpli densajn ekstraktojn, tinkturojn, dekoktojn, siropojn ktp. homoj pli volonte uzis ol la pulvorigitajn vegetaĵojn — kaj oni eĉ povis perlabori pli per ili. En tiu ĉi evolu-ŝtupo unusola persono ne plu kapablis esti kaj apotekisto kaj kuracisto, sekve de tio tiuj ĉi du metioj apartiĝis. Dum la unua esploris la enhavon (konsiston), strukturon kaj trovejojn de la sanigaj kreskaĵoj, la alia specialiĝis pri la uzo de la pretaj kuraciloj kaj studo de ilia efiko.

En 1828 *Wöhler* sukcesis artefarite prepari substancon, pri kiu oni supozis, ke ĝi povas kreiĝi nur en viva korpo per efiko de la vivenergio („vis vitalis“). Tio ĉi estis granda venko de la scienco super la naturo. Kiam oni poste sukcesis imitante produkti pluajn substancojn, konatajn nur el la viva naturo, tio signifis, ke naskiĝis la unua danĝera malamiko de la sanigaj kreskaĵoj — la organika ĥemio, kiu rapidege evoluis. Ĝi komencis analizi eĉ la konsistaĵojn de la sanigaj kreskaĵoj kaj en tre multaj kazoj ĝi sukcesis fabriki tiujn ĉi materiojn en laboratorioj kaj poste eĉ en fabrikoj. La bato, kiun la sanigaj kreskaĵoj per tio ĉi ricevis, estis tiel forta, ke eĉ ŝajnis, ke en la estonteco oni konsideros tiujn ĉi plantojn nur ornama parto de la bela naturo, kiu iam havis grandan signifon. Tiu ĉi danĝero minacis tiom pli, ke per la ordinaraj ekstraktaj procedoj oni ne povis ekstrakti el la vegetaĵoj nur la efikajn materiojn; en la deziratan substancon ĉiam eniĝis ankaŭ aliaj materioj, tielnomataj balastoj, kiuj malfortigis ĝian efikon kaj postulis pli grandan dozadon. Pro tiu ĉi facile komprenebla kialo la fabrikoj komencis produkti artefaritajn, purajn aktivajn substancojn. Sed sur tiu ĉi kampo la naturo plurfoje redonis al la ĥemio la iam ricevitan baton. Nome: oni pruvis, ke kelkaj puraj substancoj izolite ne efikas, aŭ almenaŭ ilia efiko estas eĉ pli malforta ol kiam ili estas aplikataj kune kun la balasto — ĉar la balasto ofte enhavas ankoraŭ pluajn, ĝis nun neesploritajn substancojn. — Sed ne daŭris longe kaj la fabrikoj jam kapablis produkti egalvalorajn medikamentojn, kaj ŝajnis, ke por la sanigaj kreskaĵoj jam definitive eksonis la funebra sonorilo.

Tamen — venki la naturon ne estis tiel facile. Parte pruviĝis, ke de

la suno, la plej granda fonto de lumo kaj varmo, ricevas la kreskaĵoj nekutiman forton, la t. n. radio-aktivecon; tiu ĉi forto kreiĝas en ili plej intense inter la 10-a ĝis 13-a horo kaj restas konservita en la plantoj ĝis la sekvanta mateno, ĝis kiam la roso ne elvaporiĝis. Jen, post centoj da jaroj klarigo, kial niaj prapatroj kolektadis sanigajn plantojn frumatene antaŭ sunleviĝo. Ĉu vere nur pro superstiĉo?

Ankaŭ evidentiĝis, ke la artefaritaj kuraciloj — kvankam ili povis egali al la naturaj per sia pureco, efiko, stabileco, en formo de dozado, en aspekto — ne povis konkuri kun la naturaj en la kostoj de produktado. Ili estis tro multekostaj kaj precipe la socialaj asekurejoj rekomencis favori la malmultekostajn naturdevenajn farmaciaĵojn, t. e. la originalajn vegetaĵajn kaj en epotekoj el vegetaĵoj preparitajn medikamentojn. Tio denove impulsis pli intensan kolektadon de sanigaj plantoj, sed tamen ilia kulturado en specialaj kulturejoj ankoraŭ longe ne estis profitdona. Restis do nur la kolektado, kiel kromokupo por certaj homoj, precipe maljunuloj, lernejinfanoj kaj kripluloj.

Kaj tiel, irante per mejlo-longaj paŝoj tra la multaj jarcentoj de la evoluo de homo, ni venas ĝis la dua mondmilito, kiam ŝtatoj, trafitaj de la militteruroj, neatendite konstatis, ke ili estas izolitaj, sen kontakto kun la cetera mondo kaj ĝiaj fabrikoj por artefaritaj medikamentoj, kaj fortranĉitaj de la merkato de eksterlandaj medicinaj vegetaĵoj. Homaro, alkutimiĝinta al pli alta vivnivelo kaj havanta postulojn, konformajn al la kulturo kaj civilizo de la XX-a jarcento, ne povis reveni al la metodoj de malnovaj tempoj, kiam oni kuracis per „. . . sekiĝinta enhavo de la intestoj de nigra virkato, buĉita en lunlumo tri tagojn antaŭ Lucio . . .“ Ŝtatoj komencis sendependiĝi, ili komencis konstrui fabrikojn — sed la bezonoj de la malsanuloj kaj malsanulejoj devis esti kontentigitaj tuj, kaj tial homoj denove turnis sian atenton al la riĉaĵo, kreskanta en la naturo. La jam konataj sanigaj kreskaĵoj estis submetitaj al nova esplorado kaj multaj plantoj, antaŭe neglektataj, estis esploritaj rilate siajn sanigajn ecojn. Kaj oni konstatis, ke multaj kreskaĵoj, kiuj estis antaŭe konsiderataj senvaloraj laŭ medicina vidpunkto, taŭgas kiel substituo por altprezaj eksterlandaj drogoj, ja ke multaj el ili tiujn ĉi eĉ superas! Tial oni komencis organizi kolektadon, estis aranĝitaj kursoj por kolektantoj, estis fonditaj prov-kulturejoj kaj kooperativoj por kulturado de sanigaj plantoj. La triumfo de la naturo estis perfekta!

(Finota.)

# La rozoj

Muziko kaj slovaka teksto de
M. Schneider—Trnavský*

Esperanten tradukis
Nat Salva

Andante con moto

Frost-vel-kis roz-pe-ta-loj, tuj sek-vis fo-li-fa-lo
en mil-da vent', a-ma-ra sent'. La ro-zoj dor-mos nu-ne,
re-ve-ku i-lin ju-ne en ple-na ĉarm' so-me-ra varm'!

più mosso

Ro-zoj re-fo-je flo-ras kaj dol-ĉe bon-o do-ras,

meno mosso

la kor-do-lor' pa-sis jam for. pa-sis jam for.

2. Rozoj, karegaj floroj,
vi en feliĉo-horoj
iĝas ornam'
de l'pura am'.
Tamen vi velke mortos,
am-tagojn temp' forportos,
— ho, morna fin' —
domaĝe vin!
Rozoj refoje floras
kaj dolĉe bonodoras,
la kordolor'
pasis jam for.

---

* Vidu ES, n-ro 6—8, pĝ. 92—93!

## Ni RECENZAS

*Propono de Esperanto-stenografio laŭ ĉs. sistemo.* (Eldonis Esperanto-Asocio en ĈSR, PRAHA-II., Malá Štěpánská 7. Prezo Kčs 3.— Represaĵo el „Esperantista" Praha, n-ro 4/1950). La 19-an de majo 1951 okazis en Praha ĉeĥlingva konkurso por stenografoj, uzantaj la sistemon Herout-Mikulík. Gia celo estis trovi la plej rapidan stenografon en ĈSR. Venkis kaj la altan titolon akiris Miloš *Matula,* kiu kapablis skribi 160 vortojn dum minuto. Tia alta rapideco eble neniam ekzistas ĉe efektivaj oratoroj, kiuj ne povas nur ŝuti vortojn, sed per sia parolado volas klarigi al la aŭskultantoj sian temon kaj influi ilin. Tiamaniere la sistemo H.-M. pruvis sian kapablon por tre alta parolrapido.

Tiu ĉi sistemo, kiu jam de sia oficialigo en 1921 estas uzata por la ĉeĥa kaj slovaka lingvoj, estis jam de la aŭtoroj mem adaptita por germana lingvo kaj tiel ankaŭ instruita en ĉs. komercaj lernejoj antaŭ la dua mondmilito. Aperis ankaŭ alfaroj por angla, rusa kaj franca lingvoj kaj nun estas eldonita ankaŭ alfaro por Esperanto. Ĝi estas la unua publikigita, ĉar tiu de prof. Vladimír *Jukl,* sekve de lia morto, ne estis eldonita (vidu „E. Slovaka, pĝ. 84/1949). La prezentataj grandaj 4 paĝoj donas al interesulo nur esencon por povi stenografi sen mallongigoj; da sigloj (radik- kaj vortsignoj) estas ĉi tie nur 101, nombro pli malalta ol estas kutima en nacilingvaj sistemoj. En la enkondukaj linioj estas dirite, ke la ŝanĝoj, faritaj en la alfaro kompare kun la originala sistemo, estas ofte fundamentaj pro la grandaj diferencoj inter la naciaj lingvoj kaj Esperanto koncerne la literan strukturon. Tamen estas klare, ke perfekta scio de la prezentata materialo sufiĉas nur por persona aŭ kancelaria aplikado. Ĉe tajpistinoj al la maksimume postulata rapideco estas 80 vortoj dum minuto. La diktanto en oficejo ja ne parolas seninterrompe, ĉar li kombinas kaj meditas dum la diktado. Kiu per la prezentata stenografio volus noti fluan parolon, devus ankoraŭ mem konstrui sistemon de mallongigoj laŭ principoj, validaj por nacilingvaj sistemoj.

Fine necesas diri, ke la ĉeĥlingva stenografio ĝuste travivas ŝanĝojn, kiuj jam estas oficiale publikigitaj kaj validas ekde 1. IX. 1951. Ili certagrade influos ankaŭ la alfaron por Esperanto. Tamen la publikigita verketo estas konvena por tiuj, kiuj jam nun estras la nacilingvan sistemon H.-M. Ambaŭ faktoj certe okupos la aŭtoron (A. Staňura, OSTRAVA-RADVANICE, Táborská 41), ĉar estas necese fari la duan paŝon.

*

*Louis Bastien: Naŭlingva Etimologia Leksikono,* 1950 The Esperanto Publishing Company, Ltd. Anglujo. Formato 12×18 cm, pĝ XVIII! 320. Prezo 13 ŝilingoj afrankite.

De post la apero de la unua eldono (1907) ĝis ĉi tiu dua pasis jam pli ol kvardek jaroj. Ke dum tiu ĉi interspaco tempa la aŭtoro funde penetris en la problemon de ĉi-speca laboraĵo, tion klare atestas tiu ĉi multe plibonigita kaj kompletigita eldono de la verko, enhavanta ĉiujn ĝis nun oficialigitajn vortradikojn de Esperanto.

Pri la lingvo Esperanto oni ofte pensas, ke ĝi estas tute arbitre elpensita lingvo, kiu izolite staras inter la parolataj lingvoj de la tuta mondo. Ke la afero ne statas tiel, tion montras tiu ĉi Leksikono. Esperanto, kiel lingvo, ha-

vas parencajn idiomojn en la parolataj lingvoj eŭropaj laŭ vortara flanko kaj laŭstrukture ankaŭ inter la lingvoj aziaj.

La libro konfrontas la oficialajn vortojn Esperantajn kun la respektivaj latinaj, francaj, italaj, hispanaj, portugalaj, germanaj, anglaj kaj rusaj vortoj. Ĉi lastaj, diference de la unua eldono, estas transkribitaj per literoj Esperantaj, kio multe plifaciligas la komparadon. La ceteraj konservas siajn proprajn literaron kaj ortografion.

Foliumante en la vortaro oni tuj rimarkas, ke Esperanto laŭvortare estas lingvo kvazaŭ latinida. Sed krome la vort- kaj alispeca parenceco kun la lingvoj germanaj kaj slavaj sufiĉe atestas, ke ĝi radikas en lingvoj hindoeŭropaj, ĝi estas do vere internacia ankaŭ laŭ-forme. Ekzemple vortoj: abismo, adepto, alabastro, bando, bardo; cimbalo, ktp., ktp. estas samformaj kaj samsignifaj kaj en Esperanto kaj en la hispana kaj en la portugala lingvoj.

Estas interese, ke la ŝ-vortoj havas similaĵojn ne en la latinidaj lingvoj, sed en la germana kaj la angla. (Ĉu fenomeno fonetika aŭ nur hazarda?) La vorto „kararakto". estas korektenda je katarakto.

Por nur praktika esperantisto la libro apenaŭ havas signifon, sed jes por tiu, kiun interesas ankaŭ la lingvistika flanko de Esperanto. Domaĝe, ke la eminenta aŭtoro ne konservis en la Esperanta parto la oficialan radikkarakteron de la vortoj. Per konservo de tiu ĉi vortoeco la verko estus bonega helpilo ankaŭ por tiu, kiu Esperanton uzas nur por praktiko celo.

Por studantoj tre bonvenaj estas la fonetikaj rimarkoj, kaj rimarkoj kaj resendoj piednotaj, kiujn la unua eldono malhavas.

Ruĝa plentola bindo kaj bonkvalita papero faras la libron plaĉa eksteraĵe. Por Esperanto-kluboj kaj grupoj ĝi estas nepre havinda eĉ havenda.

*

*Slovaka folkloro per Esperanto.* La tre interesa „Karta Enciklopedio" ne aperas en formo de libro, kiel kutime, sed sur poŝtkartoj. Sur ĉiu karto estas bildo de iu kulturhistoria kuriozaĵo (razena labirinto, kromleko, ligna kalendaro, bildaj jarlistoj ktp.) kun klariga teksto. Ĝis nun aperis 16 diversaj kartoj en tri serioj. — En la tria serio aperis ankaŭ karti pri *slovakaj skulptitaj abelujoj.* La karto portas la bildon de abelujo, skulptita en formo de lupostatuo, apud ĝi estas konciza klariga teksto pri abelbredado kaj abelujoj en Slovakio. La bildon disponigis afable la direkcio de la Slovaka Nacia Muzeo en Martin, en kies kolektoj la abelujo troviĝas, la klarigan tekston verkis D-ro R. Bednárik, tradukis ĝin kaj ĉe la eldono kunlaboris s-ano Ed. V. Tvarožek. Tieľ dank' al la universaleco de Esperanto la kono pri tiu ĉi interesega kulturhistoria kuriozaĵo disvastiĝos tra la tuta mondo. La Karta Enciklopedio estas eldonata de „La Bosketo", Whiteway, STROUD (Glos.), Anglujo.

*

„El Popola Ĉinio" estas ĉiumonata progresema gazeto de ĉinaj esp-istoj. Ĉiu n-ro estas 8-paĝa, ilustrita (formato 40x27cm), plena de interesega kultur-politika materialo. Abonebla ĉe Slovaka Esperanto-Instituto, Martin, Slovakotour. Abontarifo: jarkolekto 1950 (6 n-roj): Kčs 38.—. Jarkolekto 1951 (12 n-roj): Kčs 75.— Pagu per poŝtpagilo n-ro S-9615. Slov. esperantský ústav, Martin. Indiku klare, por kio vi pagas!

## ESPERANTO EN LA RADIO

La horindiko estas laŭ mezeŭropa tempo. (Por la greenwicha tempo deprenu unu horon, por la orienteŭropa tempo aldonu unu horon.)

LUNDE

| | | |
|---|---|---|
| 6.30—6.35 | Wien | 513, 25, 30 41, 48 m |
| 8.15—8.30 | Stockholm | 19.80, 49.46 m |
| 8.45—9.00 | Lille | 235 m |
| 16.15—16.30 | Stockholm | 19.80, 27.83 m |

MARDE

| | | |
|---|---|---|
| 2.15—2.30 | Stockholm | 19.80, 27.83 m |
| 12.55—13.00 | Bern | 6.9, 31, 48.7 m |
| 18.20—18.40 | Roma | 25.2, 31 m |
| 18.35—18.40 | Bern | 19.6, 31, 48.7 m |
| 19.00—19.15 | Sofia | 39.11 m |

ĴAŬDE

| | | |
|---|---|---|
| 12.55—13.00 | Bern | 16.9, 31, 48.7 m |
| 18.35—18.40 | Bern | 19.6, 31, 48.7 m |

VENDREDE

| | | |
|---|---|---|
| 18.20—18.40 | Roma | 25.2, 31 m |
| 19.00—19.15 | Sofia | 39.11 m |

SABATE

| | | |
|---|---|---|
| 23.15—23.20 | Hilversum | 402 m |

DIMANĈE

| | | |
|---|---|---|
| 19.00—19.15 | Sofia | 39.11 m |

UNUAN ĴAŬDON DE ĈIU MONATO

| | | |
|---|---|---|
| 15.30—15.45 | Graz | 338 m |

DUAN VENDREDON DE ĈIU MONATO

| | | |
|---|---|---|
| 16.40—16.55 | Wien | 203.3 m |

(Laŭ „La Espero“, Stockholm.)

## KOREKTO

Sur pĝ. 118, en la 9-a linio devas esti *Perret* anst. Peret; en la linio 10-a *Kantante* anst. Kantate. En la poemeto ĉie *Renkonte* anst. Rekonte.

## BONHUMORO

### SAĜA INFANO.

— Kio vi volas fariĝi, kiam ci estos granda? — oni demandas knabeton.

— Soldato.

— Sed la soldatoj mortas en la batalo.

— Kiu mortigas ilin?

— Malamikaj soldatoj.

— Do mi estos malamika soldato.

### KARTLUDO

Du „individuoj“ ludas en brandejo:

— Mi havas tri asojn!

— Kaj mi havas revolveron!

— Vi gajnis.

Surŝipe maristo faligis la kronometron de sia ĉefo. Li tuj iras al li:

— Kapitano, ĉu oni povas diri pri objekto, ke ĝi estas perdita, se oni scias, kie ĝi estas?

— Ne.

— Tiukaze, kapitano, ne timu pri via kronometro, ĉar mi scias, ke ĝi troviĝas sur la marfundo.

Inter insuloj dezertaj aŭ loĝataj de sovaĝuloj, jam delonge vagas ŝiprompulo. Fine li albordiĝas sur tero, kie la unua objekto, altiranta lian atenton, estas pendigilo kun pendigito. Li ekkrias:

— Dank' al Dio, finfine mi estas en civilizita lando! *M. C.*

## DIVERSAĴOJ

*Fundamentoj de Leninismo.* En la pasinta n-ro ni aperigis la I-an ĉapitron de samnoma verko de J. V. Stalin. El rusa originalo esperantigis ĝin G. Stellih, lingve kontrolis V. Lebedev, N. Hohlov kaj G. Demidjuk. La libro estis reeldonita ĉi-jare en Japanio, ciklostilite. La kamaradoj sendis ĝin al ni kun rimarko: „.. ni bedaŭras, ke la libron tiel gravan ni devas reeldoni tiel mizere, pro nia malfacila kondiĉo. Tamen ni ĵuras al Lenin kaj Stalin, ke en malproksima estonteco ni povos eldoni bele tiajn utilajn librojn kaj ni batalu por tio!“

*Esperanto-movado en Ĉinio.* Tiujn, kiuj ne ricevadas la gazeton El Popola Ĉinio, ni rememorigas, ke en Ĉinio ekzistas jam forta Esperanto-Ligo, kies fondiĝa kongreso okazis la 11-an de marto en Peking. En malferma parolado k-do Hujucz, pioniro de E-movado, kritikis la malĝustajn opiniojn de kapitalistaj lingvistoj kaj la etburĝajn revojn pri Esperanto, kaj akcentis ĝian signifon en la batalo por mondpaco kaj interkompreniĝo de la pacamaj popoloj. — La kongreso ricevis 158 salutttelegramojn kaj leterojn el la tuta mondo kaj altiris grandan atenton de la publiko. La oficiala tutlanda novaĵservo raportis pri ĝi kaj la pasinta batalo de ĉinaj esp.-istoj. Ankaŭ la centra organo de Ĉina Kompartio, ĵurnaloj en diversaj urboj kaj la radiostacio en Peking raportis pri ĝi tre favore. — K-do A. *Lam* (21 Temple Lane, Yu Yuen Lu, Shanghai, Ĉinio), esperantista-karikaturisto interŝanĝis multajn politikajn karikaturojn kun eksterlandaj korespondantoj kaj dank' al Esp-aj klarigoj pri la enhavo kaj ĉeveno, li sukcesis ilin bone utiligi en la grandaj ĵurnaloj de Popola Ĉinio. Instigite de la pli vasta bezono, li decidis pligrandigi la interŝanĝon kun ĉiulandaj kunlaborantoj.

*Familiaj sciigoj.* Geedzoj *Sekerka* sincere dankas al ĉiuj, kiuj ilin gratulis okaze de ilia edziĝfesto.—Algeedzoj Joh. Gerda kaj Jan *Aarse,* Vechtstraat 161, AMSTERDAM-Zuid, Nederlando, naskiĝis Simon Karl, la 2-an de julio ĉi-jara. — Al geedzoj Argentina kaj Luiz *Bartholomeu,* Caixa Postal 232, BAURU, Estado de Sao Paulo, Brazilo, naskiĝis Gilberto Francisco, la 5-an de junio ĉi-jara.

## ANONCETOJ

MALLONGIGOJ: dez.—*deziras;* kor. —*korespondi;* iŝ.—*interŝanĝi, -as;* pm. —*poŝtmarkoj(n);* pk.—*poŝtkartojn;* il. pk.—*ilustritajn pk;* ĉ. l.—*ĉiuj landoj;* ĉ. t.—*ĉiuj temoj;* t. m.—*tuta mondo;* espaĵoj(n)—*esperantaĵoj*(n): esp-isto—*esperantisto;* ktp.—*kaj tiel plu;* k. s.—*kaj simile;* rk.—*respondkupono internacia;* g.—*gazeto;* Rc!—*respondas certe!*

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

s-ano Nikola Tonkov *Popov,* Dom za unochi Popova, *STARA ZAGORA,* Bulgario, dez. kor., iŝ. pm., il. pk.

f-inoj *Josimura Masae* (22-ja stud. en dietetika lernejo), Kitasirakaŭa-Simoikeda-tyo 75, Sakio-ku, KIOTO. — *Hirai Miciko* (21-ja stud. en dietetika lernejo), Ikaga 116, HIRAKATA-City, Osaka-FU, Japanio, dez. kor. kun ĉs. ges-anoj.

s-ano Lourival *Cunha,* ALAGOINHAS (Bahia), Brazilo (Južná Amerika), dez.

iŝ. seriajn pm. kun ĉ. l. laŭ Yvert-katalogo.

s-ano Renato Lemos *Diniz,* 23-jara, Caixa Postal 135, JOAO PESSOA, Paraiba, Brazilo, dez. leterojn pri interesaj kaj allogaj temoj el ĉ. l. (la plej bonaj estos publikigitaj en libro pri korespondado).

s-anoj Stefano *Stajkov,* Str. L. Karavelov 53; Georgi *Valkov,* Str. Ivajlo 68. Atanas *Stherev,* Str. Moskva 67. Dinko K. *Pavlov,* Str. Samuil 61, ĉiuj en BURGAS, Bulgario, dez. kor., iŝ. pm., il. pk:

s-ano Stefano Ilief *Stojanov,* TIRNOVSKO-BALVAN, Bulgario, dez. kor. kun ĉs. gejunuloj.

s-ano Ján *Motulko,* TRNAVA, Radlinského 5/II, ĈSR-Slovakujo, dez. kor., iŝ. pm., il. pk. ktp. kun t. m. Rc!

s-ano Ervin *Sekerka,* VRÚKY, Benešova 15. ĈSR-Slovakujo, dez. kor. pri etnografio kaj temoj ĝen., precipe kun popoldemokratioj. Rc!

S-ano Ervin *Zanáška,* KOPŘIVNICE, Jiráskova 442, bezonas por E-muzeo ĉiujn fotografaĵojn, faritajn dum SEK en Doksy. Sendu ĉiujn specojn, indiku prezojn.

S-ano Vladimír *Novotný,* 24-jara oficisto, Mánesova 1252, Č. BUDĚJOVICE, dez. kor. per Esp-a stenografio-propono de Ad. Staňura.

sano Rolf *Nötel,* 31-jara geometro *10b* CHEMNITZ-14, Nürnbergerstr. 11, Germanio, interesiĝas pri matematiko, politiko, muziko, sporto.

s-ano Kurt *Pukarra,* Bullenberg 3, *20a* CELLE, Germanio, Brita Zono, dez. kor.

S-ano Paŭlo *Balkányi,* BUDAPEST-54. Nemzeti Bank, fiókiroda, Hungario, dez. ricevadi pac-kaj turismajn afiŝojn.

s-ano Ŝigenori *Tada,* Kawasumityo 3—19, Mizuhoku, NAGOYA, Japanio, petas Esp-aĵojn (g-ojn, gvidilojn, afiŝojn k. s.) por propaganda ekspozicio.

s-ano Kusumi Joŝitaro, gvid. de E-rondo ĉe gimn., 5-111 Sugamo, Toŝimaku, TOKIO, Japanio, dez. kor., iŝ il pk.

s-ano Kijoŝi *Kameeta,* 20-ja instr. de elem. lernejo, 26 Hamaguĉi-Niŝi-2ĉo, OSAKA, Japanio, dez. iŝ. bildojn kaj manlaboraĵojn de siaj gelern. 6—12 jaraj, kun similaj en ĈSR. Instruistoj, anoncu vin!

S-anoj Jiro *Ogawa,* 105-2, Honden, Nishi-ku, OSAKA. — Hideŭo *Jamanaka,* Sakahata Kamejama-mura, KIMICU-GUN, Ĉiha-ken. — Toŝio *Kurozaŭa,* Kamikyo-Kyoku, KYOTO-SI, Sin Oomiyo agaru. — Takayosi *Sawada,* 1—29, Nisihiokicho, 'Nakagawaku, NAGOYA. — Yoshinori *Okuda,* 72, Joshoji, Owada-mura, Kitakawachi-gun, OSAKA-FU. — Z. *Ohmura,* Rendaina-chozi, Kamikyo, KYOTO. — Ryuiti *Ebihara,* Kamisakura-machi, Tano-cho, MIYZAKI-KEN. — Tadajoŝi *Sibato,* 249 Naĝonohoro, AGATSMA, Gumma. — Lee *Mjongu,* 349 Kamibeppo Oocu, ŜIGA-KEN. — Tatunosuke *Inaba,* Kugo-Mati 525, YOKOSUKA. — Terumichi *Takisawa,* Aomori-ken, Togun, Singyo, 131, AINO. — Jasuo *Hajaŝi,* 2 Ohaŝi-Co 8, Ntgata P. O. Zono, KOBE-SI. — Inĝ. Tanka *Yayoi,* Kobe Shipyard & Engine Works, Wadasaki 3, KOBE ĉiuj en Japanio, dez. kor.

s-ano Klaas *Limburg,* 27-jara fraŭlo, ĥemiisto, dum 3 j. koncentrejano (Buchenwald), dez. kor. Adreso: 3e Oosterparkstraat 202, AMSTERDAM, Nederlando.

s-ano Ivar *Kjellström,* Postfako 3003, KARLSBORG, Svedio, dez. kor. kun ĉs. s-anoj pri E-movado en ĈSR kaj iŝ. Esp-aĵojn.

*Ľudo Izák:* KURZ ESPERANTSKÉHO DOPISOVANIA (8. pokrač.).

*Opravte* v min. kurze od konca 17. riadok na *entre*(preno, -prena, -prenema).

| | | |
|---|---|---|
| 0 nulo | 11 dek unu | 32 tridek du |
| 1 unu | 12 dek du | 43 kvardek tri |
| 2 du | 13 dek tri | 54 kvindek kvar |
| 3 tri | 14 dek kvar | 65 sesdek kvin |
| 4 kvar | 15 dek kvin | 76 sepdek ses |
| 5 kvin | 16 dek ses | 87 okdek sep |
| 6 ses | 17 dek sep | 98 naŭdek ok |
| 7 sep | 18 dek ok | 99 naŭdek naŭ |
| 8 ok | 19 dek naŭ | 100 cent |
| 9 naŭ | 20 dudek | 101 cent unu |
| 10 dek | 21 dudek unu | 211 ducent dek unu |

| | |
|---|---|
| 322 tricent dudek du | 10.000 dekmil |
| 430 kvarcent tridek | 200000 ducentmil |
| 540 kvincent kvardek | 543212 kvincent kvardek trimil ducent dek du |
| 650 sescent kvindek | |
| 761 sepcent sesdek unu | miliono |
| 876 okcent sesdek ses | miliardo |
| 987 naŭcent okdek sep | dek kaj dek estas dudek |
| 999 naŭcent naŭdek naŭ | cent kaj cent estas ducent |
| 1000 mil (dumil . . . naŭmil) | mil kaj mil estas dumil |
| 1001 mil unu | cent du: 102 |
| 2222 dumil ducent dudek du | cent dudek: 120 |
| 100000 centmil | ducent: 200 |
| 20.011 dudekmil dek unu | ducent dek du: 212 |
| 20.221 dudekmil ducent dudek unu | |

Základné číslovky sa neskloňujú, preto: unu fraton — jedného brata.
Koncovku množného čísla prijíma len „unu“ (unuj—jedni) unuj estas lernantoj. unuj (aliaj) studentoj — jedni sú žiaci, jedni (iní) vysokoškoláci.

Mi estas oficistino. Mi havas tri fratojn: unu estas apotekisto kaj unu tipografo, ili ambaŭ estas ankoraŭ fraŭloj. Krome mi havas ankaŭ du fratinojn: unu estas fraŭlino, alia edziniĝis al horloĝisto. Kvankam ni estas kvin, tamen unu fraton mi ne konas persone, ĉar li vivas en eksterlando, sed li ne fartas bone. Li jam longe ne skribis (al ni), pro tio mi ne scias, kion li nun faras (pri kio li okupiĝas).

*ofico* — úrad, ofic*isto* — úradník, tipografo — typograf
*apoteko* — lekáreň (apatieka), apotek*isto* — lekárnik
*krom* — okrem, krom*e* — okrem toho
*edzin-iĝi* — stať sa menželkou, vydať sa; *edziniĝi al* iu!
horloĝo — hodiny, *poŝh.* — vreckové h., *brakh.* — náramkové, *vekh.* — budík . . . *farti* — mať sa. Kiel vi fartas? — Ako sa máš (máte)?

*okupo* — zamestnanie, okupiĝi — zamestnávať sa
mi okupiĝas *kun* vi *pri* planado (plánovanie), do ni okupiĝas

Pardonu (ne koleru), mi petas, ke mi respondas nur nun, sed mi devis lerni multon (multe), ĉar mi ankoraŭ ne scias bone skribi kaj paroli Esperante. Multaj miaj gekamaradoj jam bone posedas (scipovas, povoscias) Esperanton (skribas kaj parolas esperantlingve), sed mi estas nur komencant(in)o. Pardonu miajn eventualajn erarojn kaj ne priridu min (ne priridu min pro miaj eraroj).

pardono — odpustenie, koleri — hnevať sa
multo — množstvo, multe — mnoho, multa — mnohý
lingvo — reč, lango — jazyk (v ústach)
scipovi, povoscii — ovládať, posedi — ovládať, vlastniť
eraro — omyl, priridi — vysmiať (doslovne: osmiať).

## CVIČÍME SA V PREKLADANÍ

A. — Práce na stavbe moskovskej štátnej univerzity na Leninských vŕškoch sa už chýlia aku koncu. K strednej — 26-poschodovej budove pristavajú postranné krídla[1] o 18, 13 a 9 poschodiach. Za hlavnou budovou umiestia fakulty[2] chémie a fyziky a fakultu pre biologiu a pôdoznalstvo.[3] K univerzite vedú široké cesty, ktoré teraz betónujú. Po celom stavenisku sú umiestené pomocné skladištia. Na stavbu príde denne 300—400 vagónov s materiálom a zariadením.[4] Na veľkej ploche[5] naľavo zakladajú botanickú záhradu. Tam, kde sú teraz hromady hliny a kamenia, bude obrovské alpínum[6] a záhrady s tisícami stromov a kerov.

[1] Alo, [2] fakultato, [3] agroĥemio, [4] ekipaĵoj, [5] = rovine, [6] alpinio.

B. — Závodné kluby maly by dôkladne zrevidovať doterajšiu náplň práce jednotlivých súborov[1], preskúmať ako pomáhajú v plnení pracovných úloh vo svojich závodoch, ako ich umelecká práca radostne a iniciatívne pôsobí na pracujúcich, aby po predstaveniach pracovali s ešte väčšou chuťou, uvedomelosťou a vynachádzavosťou. Pri takomto prieskume[2] zistíme, že naše súbory závodných klubov sú málo zamerané na hlavné úlohy práce v závodoch, že je tu málo agitiek[3], nabádajúcich k vyšším výkonom, k rozšíreniu údernícke-ho[4] a stachanovského hnutia, k bdelosti voči nepriateľovi.

[1] Kolektivo, [2] (re)kontrolo, revizio, [3] agitilo, [4] úderník — laborsturmulo.

C. — „V prieskume noriem," — hovorí sa v usnesení vlády, — „treba urobiť útok na zastaralú techniku a organizáciu práce, ďalej viesť boj za úplné využitie rezerv a kapacity závodov, sníženie vlastných nákladov[1] a tým zabezpečiť vzostup reálnych miezd. Všetci zamestnanci v priemysle musia preto zodpovedne riešiť všetky úlohy v tohoročnej kampani prieskumu noriem."

Z toho vyplýva, že v závodoch treba urobiť dôkladný rozbor výroby, preskúmať všetky možnosti zlepšenia techniky a organizácie práce, urobiť patričné opatrenia, aby pracujúci mohli postaviť nové normy, ktoré pomôžu zvýšiť produktivitu práce.[2] Inak povedané, musíme hľadať všetky prostriedky, aby každý z nás vyrobil za jednotku času viac výrobkov, ako predtým.

[1] Memkostoj, [2] laborproduktiveco.